AE134

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 12/10/2013 Cent tridekkvara Eldono 12/10/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinio ĝis 27a Novembro 2013**

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon



http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed » Elsendo de la 2a Oktobro 2013

Okaze de unu el la ekskursoj dum la Itala Kongreso de Esperanto, antaŭ kelkaj semajnoj, grupo da Esperantistoj vizitis la belan urbon Ĝenovo. La unua parto de la ekskurso dediĉis tutan matenon al la tiea akvario, kie ampleksa ekspozicio ravis la promenantojn. Tamen, kelkaj el ili diskrete esprimis sian malkomforton, dum ili admiris tiujn majestajn marbestojn vivantajn en... malgrandaj kestoj.

Nun ni ekscias, ke ne nur Esperantistoj sentas tian malkomforton. La registaro en Kostariko antaŭ nelonge anoncis, ke ĝi liberigos la bestojn el siaj zoologiaj ĝardenoj. Du tiaj parkoj en la ĉefurbo oni transformos en botanikajn ĝardenojn. La Ministro pri Naturmedio deklaris: “Ni forigos kaĝojn kaj faciligos la vivon en naturaj medioj. Ni jam ne deziras enkarcerigon de bestoj, krom por savo el minacaj situacioj.” ktp ktp ktp

.**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl✚alklaku la bluajn lokon)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

# Propaganda sekcio









**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"



Jeannette Francis (REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) kontaktis kelkajn Esperantistojn pri sia propono.

SBS filmis Richard Delamore kaj Kiah





Morante dum ili parolis en Esperanto. Ni ankoraŭ ne scias kiam la programo estos elsendita.
Sendu informon al AE kiam vi scios!



Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra



## 3. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO.

## LA PROPOZICIO. A.

La homaj lingvoj estas grandegparte en sonoj kaj en literoj. Malgrandajn kaj signifajn kombinaĵojn de tiaj sonoj kaj literoj ni nomas vortoj. La vortoj reprezentas aspektojn unuecajn de la partetoj de la naturo ĉirkaŭ ni kaj en ni. Ni nomas la diversajn specojn, en kiujn ni povas dividi la observitaĵojn, (vort)kategorioj, kiel ekzemple substantivojn, verbojn, adjektivojn, ktp. Se ni rigardas pentraĵon, ni povas vidi objektojn kaj ideojn, do substantivojn, kaj agojn, do verbojn, kaj karakterojn, do adjektivojn.

La vortoj kombiniĝas, pro siaj signifoj kaj pro siaj funkcioj en la pentraĵo, laŭ certaj simplaj reguloj. La tuta pentraĵo esprimeblas en la lingvo en unu frazo, kiun oni en Esperanto nomas la propozicio ("sentence"); ĝi konsistas el diversaj funkcioj, kiuj estas la elementoj de la propozicio.

Ekzemple “La viro kaptas fiŝojn el la lago dum kelkaj horoj” konsistas el kvin elementoj. Dum la speco de la individuaj vortoj kutime rekoneblas per la finaĵoj –o, -a, -e, -i, -as, -is, -os, -us, -u, kaj certograde –j, la funkcion de vortkombinaĵoj aŭ de vorto en la pentraĵo, do la elementojn de la Propozicio en la lingvo, indikas la finaĵo –n aŭ ĝia manko, aŭ prepozicio, aŭ verbaj finaĵoj aŭ kelkaj aliaj mallongaj vortoj. Poste ni diskutos tiujn indikilojn de la funkcioj.

Notu, ke por klareco mi el nun uzos ĉefliteron por la gramatikaj vortoj (i.a. ĉar kelkaj nomoj uzatas ankaŭ kun ĝenerala signifo). Sed en la normala lingvo ni ne faras tion.

(daŭrigota) Marcel Leereveld.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





# 3ZZZ HISTORIAJ ARTIKOLOJ



Estimata Roger Springer,

Mi rekomendas, ke

1) La lasta parto de la 3ZZZ artikolo estu presita en venonta eldono de “Aŭstraliaj Esperantistoj”. Almenaŭ la tuta 3ZZZ teksto povas esti legita de ĉiu el la legantoj de “Aŭstraliaj Esperantistoj”, kiu ne povas ricevi ESK.

2) Publike anoncu en “Aŭstraliaj Esperantistoj”, ke estis decidite, ke ĉio de la teksto pri 3ZZZ estos presita en “Aŭstraliaj Esperantistoj”. Intervjuo kun Svetislav Kanacki kaj elektita parto de la 3ZZZ teksto estos presita en ESK.

3) Mi (Kam) uzos parton de la 3ZZZ teksto el la sendita “Aŭstraliaj Esperantistoj” pdf dosiero kaj metu ĝin en la venonta ESK.

Kam Lee

# La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, ILEI

## TAGO DE INSTRUISTOJ 5an de OKTOBRO REZOLUCIO

La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, ILEI, celebras la Mondan Tagon de Instruistoj (la 5an de oktobro), proklamitan de Unesko, per la sekva rezolucio, akceptita dum diversaj renkontiĝoj kaj kongresoj.



La partoprenantoj:

**Agnoskas** la honorindan kaj daŭre defendendan alvokiĝon de instruistoj tra la mondo.

**Substrekas** la pozitivan rolon, kiun ili povas ludi en homa evoluigo kaj firmigo de transkulturaj kontaktoj trans limoj de nacioj kaj lingvoj.

**Emfazas** la neceson, ke la lingva diverseco estu defendata ene de edukaj programoj, kun forta emfazo al la akcelo de la instruado de lingvoj minacataj je pereo.

**Alvokas** por la rajto de lernantoj aliri ĉiajn vivantajn, funkciantajn lingvojn, kio evidente inkluzivas la rajton instrui kaj lerni Esperanton.

**Subtenas** la celojn de la Tago, nome 'pripensi la malfacilan ekonomian kaj socian kuntekston, en kiu laboras instruistoj kaj trovi manierojn bonigi ilian profesian statuson kaj laborkondiĉojn, same kiel tiujn de ĉiaj edukistoj.'



Sendis Jennifer Bishop

## "TAMEN PLU" baldaŭ alvenos al via enirkesto*

Karaj ĉiuj,
Mi ege pardonpetas, ĉi-monate "TP" estos ne nur malfrua, sed ege malfrua!
Bedaŭrinde, mi iom malsanis dum la pasinta semajno, sed nun mi resaniĝas, kaj espereble, "Tamen Plu" por oktobro aperos post kelkaj tagoj.
Koran dankon pro via pacienco kaj kompreno.
Tre amike,
Katarina (Cathy)
* Mi trovis ĉi tiun vorton en la vortaro de John Wells; mi esperas, ke ĝi estas la kutima vorto por "Inbox" ! (sendita je 11/10/13)



Kara Roger,
Multajn dankojn pri AE 133.
Vi aspektas sufiĉe feliĉa inter la ĉinaj virinoj....
Mi esperas ke vi trovis vian "ĉinan" vivritmon.
Daŭrigu vian bonegan laboron,.... eĉ el Ĉinio. Amike, Sandor





Elvido el la orienta kaj la okcidenta fenestroj de la domo. Ses etaĝoj ne bezonas elektran lifton. Do multaj konstruaĵoj estas ses-etaĝaj.
La domo havas 3 litĉambrojn, 2 banĉambrojn, kuriejon, manĝejon, grandan salonon, balkonon kaj malgrandan lesivejon.
Ĉe Wuhan. Malgranda Urbo de Ĉinio 8,000,000 homoj



Dmitry intencas partopreni en la Korea Esperanto kongreso kaj ne ĉeestos la kunvenon de la 27a de oktobro.



Saluton al ĉiuj,
Mi unue volas danki Dmitry kaj Alan pro ilia subtenado de la projekto - Ili tre helpis tiun ĉi projekton. Due mi volas instigi tiujn, kiuj jam ne partoprenis, disdoni la jenan ligilon al ĉiuj, kiuj eble estus interesataj. Jen kial vi devas disdoni la vorton de tiu ĉi grava kampanjo.

Ĝis nun mi ricevis financan subtenon de 9 homoj, nur 2 estas Esperantistoj. Tio montras, ke tiu ĉi projekto interesas ne nur Esperantistojn, sed ankaŭ la eksteran mondon. Fakte, unu homo de Usono, kiu ne estas Esperantisto enmetis 5 dolarojn. Do nun estas 7 pliaj homoj ĉirkaŭ la mondo, kiuj aŭdis pri Esperanto.

Do subtenu la projekton!
Subtenu Esperanton!
Ne sidu sur viajn manojn

www.diaryofthegods.com La serĉanto <r_delamore@hotmail.com>

Dankon Richard

# "Esperanto en Whyalla".



Kara Roger,
pasintmonate mi iris al la urbo Whyalla por instrui Esperanton.
Jen raporto pri mia vizito, kiun vi eble povus enmeti en vian bultenon.
La titolo povus esti "Esperanto en Whyalla".
Kolege, Trevor

## Universitato de la Tria Aĝo – Whyalla
## La Esperanto-grupo

**Septembro 2013**

La Esperanto-grupo en Whyalla, lanĉita de Paul Desailly, kiam li loĝis ĉi tie dum mallonga periodo, konsistis el nur kvar membroj. Tamen ni akceptis afablan proponon de Trevor Steele, ke li okazigu tritagan Esperanto-laborsesion en la Whyalla-filio de la Universitato de Sud-Aŭstralio.
La sesioj komenciĝis merkredon vespere per ĝenerala prelego pri la fono kaj historio de la estiĝo de tiu pionira lingvo kaj mallonga prezento de ĝia funkci-maniero. Naŭ homoj ĉeestis tiun sesion.
Ĵaŭdon matene okazis por la jam ekzistanta grupo iom intensa sesio, kiu multe pligrandigis nian scion pri prefiksoj, sufiksoj, kaj la konstruado de plur-elementaj vortoj. Plua sesio posttagmeze pli progresigis nin kaj donis respondojn al ĉiuj niaj demandoj.
Vendredon matene ni gastigis plurajn membrojn de la klaso de la franca lingvo, kiuj antaŭe esprimis intereson pri tio, kiel Esperanto funkcias. Tre interesis ilin sperti la simplecon de la gramatiko de Esperanto kompare kun tiu de kaj la franca kaj la angla.
Vendredon posttagmeze ni spertis surprizon. Al grupo da kompletaj komencantoj, el la aŭskultantoj de merkredo vespere, Trevor donis lecionon nur en Esperanto, iom post iom pligrandigante ilian komprenon de tio, kion li diris, ĝis ili provis komenci respondi kaj mem formi frazojn. Fine de la sesio ili povis sin prezenti, doni siajn adresojn kaj naskiĝtagon, kaj mallongan priskribon pri si mem: koloron de la okuloj, la haroj, ktp, ĉion en Esperanto. Mi ne imagintus, ke tio eblas, sed ĝi okazis.

Ni kompletigis la tagon per agrabla kunmanĝo en loka restoracio, kaj Trevor reiris al Adelajdo sabaton matene.
Ni ege dankas Trevor, ke li pretis vojaĝi 400 kilometrojn al Whyalla kaj doni al ni tiom el sia tempo. Ni atendas almenaŭ duobliĝon de nia nombro kiel rezulton de lia vizito.

*Michael Leahy, Esperanto-grupo de Whyalla.*

Karaj,
La dua parto de la artikolo pri John Matasin aperis en La Zagreba esperantisto numero 3 de 2013. Temas pri 4 paĝoj kaj duono. Mi kunsendas bildon de la unua paĝo. Se vi deziras mi sendos ankaŭ la aliajn paĝojn.



amike, Nicole

Historie

# ESPLORE PRI AŬSTRALIA ESPERANTISTO JOHN MATASIN (2)

*Josip Pleadin*

## LA DUA EDZINO EVA MARX

Rezulte de sia restado en Leipzig, **Ivan Matašin** konatiĝis en 1924 en loka Esperanto-societo kun **Eva Marx**. Pri tiu esperantistino mi klopodis trovi ian ajn informon en malnovaj gazetoj. "Germana esperantisto" el la jaroj 1924-1928, nenie mencias **Eva Marx** aŭ **Ivan Matašin**. En "Esperanto Triumfonta" el la jaro 1923 ekzistas listo de kongresanoj de la nurenberga kongreso, sed mi nenie trovis la nomon de **Matašin**. En la numero 119 mi trovis la informon pri donaco de f-ino **Marx** el Dresden (100 gm), sed poste montriĝis, ke temas pri **Charlotte Marx** (KN 597), do ne pri la serĉata **Eva Marx**. Pli konkretajn informojn pri Eva ne povis doni ankaŭ **Detlev Blanke**. Mi kontrolis en la "Esperanto-revuo" de UEA (1929 kaj 1930), kie kutime oni publikigis informojn pri privata vivo de esperantistoj, sed ankaŭ tie oni ne mencias ion ajn pri la paro **Matašin/Marx**.



*Eva (Marx) Matasin (la tria de maldekstre) dum iu ekskurso de aŭstraliaj esperantistoj*

Tamen, jam antaŭ la veno al Aŭstralio, **Ivan Matašin** kaj **Eva Marx** estis gefianĉoj (en 1928). Ili geedziĝis en Aŭstralio en la jaro 1929. Dum kun sia unua edzino **Ivan** ne havis infanojn, kun **Eva** li havis la filinon **Vera** edziniĝintan al **Rollo Charles Henderson**, kaj la filon **Ronnie** (kiu restis fraŭlo). **Ronnie** estis tre talentita por lingvoj, kaj **Ivan** diradis, ke li devus dediĉi sin al diplomata servo, sed li frekventis nur reallernejon. Li provis studi, sed sensukcese.



*La familio Matasin kun amikoj-esperantistoj, fotita en julio 1940 en sia hejmo. De maldekstre sidas s-ino Eva Matasin, s-ro Hyde, s-ro Joab Eljot, (supozeble) s-ro Frank Banham el Melburno, s-ro Paul Schwerin, s-ro John Matasin, kaj la sidantaj infanoj estas gefiloj de gesinjoroj Matasin, Vera kaj Ronnie.*

## ALVENO AL AŬSTRALIO

Laŭ iuj informoj **Ivan** ekvojis ekstereŭropen en 1927, sed laŭ alia, pli preciza informo, li enmigris Aŭstralion nur en oktobro 1928. Mia taglibra noto aludas, ke li ne venis rekte al Aŭstralio, sed ke li vojaĝis unue al Suda Ameriko, supozeble al Argentino (kiel antaŭe li planis kun **Roko Pavoković**), kien cetere tiutempe elmigris multaj kroatoj. Lia fianĉino Eva, venis Aŭstralion nelonge post li. Tio

82 *Zagreba Esperantisto*

Oni ne povas spekti "youtube" en Ĉinio. Sendu novaĵon, fotojn

# Debato pri Orienta Timoro

Karaj,

Mi proponas, ke anstataŭ kongresi en Orienta Timoro ni organizu tien turisman Esperantan vojaĝon ekzemple 5-tagan. La lokuloj povus havi E-kursaron kaj ni povus estis helpantoj, instruistoj, program-kontribuantoj. Tiel ni spertiĝus pri la lokaj kondiĉoj kaj la kapablo de la tieaj movadanoj. Se la impresoj estus bonaj, en la estonto eble pluraj kuraĝus vojaĝi tien - eble eĉ por AEA-aranĝo.



Alia eblo estus pluvojaĝi de Orienta Timoro al Novkaledonio. Ni konas kelkajn tieajn esperantistojn kaj la kunlaboro donus profiton verŝajne al ĉiu.

Mia propono estas komuna "karavano". Tiu, kiu surprenus la taskon aranĝi la flugojn kaj loĝadon, havu certajn procentaĵojn de la prezoj.

Amike,

Katja







**Subtera Stacidomo** **interne de malplena vagono**

# La subteraj trajnoj de Wuhan.

## Vortoj de "Lernu"

KOKETA

Penanta plaĉi, precipe al eventualaj seksaj partneroj, per elegantaj vestoj kaj logaj manieroj:

Tiu fraŭlino estis ĉiam koketa antaŭ la viroj.

Ŝi kokete ridetis.

Vane vi koketas la malvarman junulon.

Ŝi estas teda pro siaj ĉiamaj koketadoj.

La koketeco aperas precipe en vestoj kaj gestoj.

Kiu estas tiu ĉarma koketulino?